

# BOLETIN

## DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

AÑO XIX - Nº 247

SEPTIEMBRE-OCTUBRE 1981

Grupo da gekongresanoj antaŭ la Kongresejo, en la korto de la Universitato de Murcia

**BOLETIN**
**DE LA**
**FEDERACION ESPAÑOLA**
**DE ESPERANTO**

DIRECTORA
Dª Mª Aurora Viloria Nieto

DIRECCION
Y ADMINISTRACION:
Dos de Mayo, 4
VALLADOLID

REDACTOR JEFE:
D. Salvador Aragay Galbany
Bassegoda, 40 - Telf. (93) 3338081
BARCELONA-28

COMITE DE REDACCION:

D. Giordano Moyá
D. V. Hernández Llusera
D. Gabriel Mora y Arana
D. Pedro Nuez
D. Luis Serrano Pérez
D. Miguel Gutiérrez Aduriz

*La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de H. E. F. escepte en okazo de oficiala komuniko; ĝi ankaŭ ne reprezentas la opinion de la Redaktoro; do, pri la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.*

Depósito Legal VA. 616 - 1978
Imp. Andrés Martín, S. A. - Juan Mambrilla, 9 - Valladolid

# UTILAJ ADRESOJ

HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO
Dos de Mayo, 4
VALLADOLID-4

**Prezidantino**

Mª Rafaela Urueña Álvarez
Avda. Ramón y Cajal, [illegible]
Télf. (983) 260086
VALLADOLID-11

**Sekretario**

Luis Hernández García
adreso kiel supre

**Kasistino**

Carmen Conde Labajo
Calixto Valverde 8-8º-A
VALLADOLID-14

Pagoj sendu al nia Konto
Nº 001.664.0
Caja de Ahorros Popular
Ag. Urbana E.
A. Lorenzo Hurtado, 1
VALLADOLID

LIBRO-SERVO DE H. E. F.

Jacinto Urueña Antón
Dos de Mayo, 4
VALLADOLID-4

Pagoj por Libro servo, sendu al
Caja de Ahorros Popular
Oficina Central
Cuenta Nº 042.268.4 a nombre de
LIBRO SERVO DE H. E. F.
VALLADOLID

ELDONA FAKO

Inés Gaston
Pº de la Constitución, 35-4º
ZARAGOZA-1

INFORMA FAKO

Ramón Molera
Sta. Joaquina, 13
MOYA (Barcelona)

ĈEFDELEGITO DE UEA

Juan Azcuénaga Vierna
Capitán Palacios, 3-4º-N
SANTANDER

H. E. J. S.

(Junulara Sekcio de H. E. F.)
Carretera Candi, 34-36
BARCELONA 28

# 41-a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO




**Prof Serna, Prezidanto de L. K. K. parolas dum la Solena Malfermo**

Nia tutlanda kongreso en Murcio brilis kun propra lumo, ĉar kiel ĉiu kongreso ĝi posedis specialan nuancon. Se por la antaŭa kongreso en Madrido oni uzis la epiteton «Efikecon», certe por nia lasta kongreso en Murcio ni devas uzi «Maturecon», ĉar ĉiuj partoj de la programo estis plene maturaj.

La kongreso komenciĝis vendrede 17-an de julio en la kongresejo, t. e. en la Universitato. En ĝi la L. K. K. disdonis la dokumentojn, salutis la gekongresanojn kaj ĉiuj miris pro la abunda materialo de la «Libroservo». Feliĉe, la komuna loĝejo estas apud la parko de la universitato, tio permesis ekde la unuaj momentoj regulajn kontaktojn inter la gekongresanoj kaj agrablan interkonan vesperon.

Sabate matene, okazis la ekzamenoj de 24 esperantistoj en la gradoj de E-elementa kaj E-supera gvidataj de p-ro F. Zaragoza.

Sekve oni okazigis la kunsidon de la HEF-estraro kaj delegitoj de Grupoj kaj Sekcioj, en ĝi oni informis pri la agado en la imformkampo tra televido, radio kaj ĵurnaloj, konstatante ke ĉiuj komentarioj intervjuoj kaj artikoloj pri Esperanto estis tre favoraj, tio signifas ke nia movado estas sufiĉe matura por efike agi en la disvastigado de nia internacia lingvo. Ĉiuj delegitoj energie partoprenis en la interŝanĝado de vidpunktoj elstarante niaj samcelanoj de la grupo «Akademio de Esperanto» de Sevilla.

Je la 12-a horo komenciĝis la malfermo de la Kongreso fare de la Rektoro de la Universitato José Antonio Lozano; poste salutis la gekongresanojn la prezidanto de la L. K. K.; p-ro pri fizika Kemio Antonio Serna Serna, sekve la delegitoj de la E-sekcioj de HEF kaj de la E-grupoj unu post la alian, salutis la ĉeestantojn, kaj, kaj... reprezentanto de Sevilla dekjara infano Victoriano Márquez emociis ĉiujn pro energia saluto «kriu kun ni vivu Esperanto-n». Post la salutvortoj de la delegitoj,

venis la vico de niaj eksterlandaj gastoj kaj en tiu ĉi okazo, la ĉeestado estis amase, ĉar salutis gereprezentantoj de Bulgario, Pollando, Portugalujo, Usono, Francio, Italio kaj Svisujo.

Pro la ne ĉeesto de s-ro G. L. Smith (prezidanto de Brita E-Asocio) festparolis nia prezidantino M. R. Urueña, kiu tre elokvente informis al la ĉeestantoj pri la E-movado en Murcio, rememorante s-ron Ricardo Codorniu, pioniro en nia lando favore al Esperanto; plie konfirmis la celojn de nia movado kaj la firman pozicion de Federacio en la kulturaj kaj universitataj medioj.

Vespere, p-ro Antonio Alonso Núñez prelegis pri la temo «Einstein per ĉiutaga lingvo». Bone planita tiu ĉi



**Zaida Mellado López, la plej malgranda kongresanino.**
**(Foto S. Docal)**

arango, ĉar unue estis disdonita inter la ĉeestantoj folion kun de segnaĵoj kaj teksto pere de kiu, oni povis studi diversajn temojn, kiujn poste oni pridiskutos dum la kolokvo tuj post la konferenco. Malrapide, sed senpaŭze p-ro A. A. Núñez prezentis la teorion de Einstein pere de simplaj vortoj.

En aliaj paĝoj de ĉi bulteno, la interesuloj trovos resumon pri la menciita konferenco.

Alia grava konferenco estis tiu de d-ro Antonio Roldán Pérez kiu pritraktis la temo «Código de Lengua Internacional». Li informis nin pri diversaj kaj variaj provoj pri la kreado de internaciaj lingvoj de famaj intelektuloj, konstatante la grandan malfacilecon por trovi adekvatan strukturon, taŭgan vortaron, gramatikajn regulojn. Je la fino de sia parolado li miris pri nia internacia lingvo Esperanto pro ĝia simpleco, taŭga vortfarado kaj simplaj reguloj.

Tradicie en niaj kongresoj oni okazigas teatran prezentadon, la lastan teatraĵon organizis Pola Esperanto Teatro «A. Grabowski», Kalina Pienkiewicz kaj Zbigniew Dobrzynski, ili prezentis «Malfermu la pordon» de Kristoforo Choinski; verkon aktualan pri geedzaj problemoj, kiu enpenetris tre rapide en la menson de la spektatoroj. Tre profesie la geaktoroj ludis realan situacion, montrante ke nia internacia lingvo vere taŭgas por emociaj rilatoj. Tondra aplaŭdo sigelis la laboron de la pola paro.

Dimanĉe, dum la mateno, la L. K. K. oferis al la kongresanoj tre emocian aranĝon «Folklora Festo». La teamo prezentis unu horan spektaklon pere de popolaj kanzonoj kaj tipaj dancoj, kiuj sendube impresis ĉiujn.

Alia amuza aranĝo estis la kon-certo farita de s-ro Olivier Tzau svisano, kiu kantis kanzonojn, eldo-nitajn en sia disko «Tra l' mond Kun granda sekureco kaj tre mez ta voĉo, disgrajnigis iom pos ĉiujn siajn muzikaĵojn.

Dum la lundo, estis organizita tuttaga ekskurso al «La Manga del Mar Menor». Du plenplenaj aŭtobusoj, vojaĝis tra la ebenaĵoj de Murcio ĝis la marbordo de «Mar Menor»; blanka sablo, pura kaj klara akvo, brila suno, konforta arbareto apud la marbordo kaj tipaj vendejoj kaj hoteloj, permesis al la ekskursantoj, gustumi la plej trankvilan amuzan kaj ne seriozan tagon de la kongreso. Tamen por la delegitoj kaj estraranoj ĉiam estas bona momento por interŝanĝi opiniojn, ideojn; tiel do, ne estis strange ke grupo da gejunuloj planis la lastan kunvenon de la kongreso, ke p-ro A. Núñez, S. Aragay kaj N. Saletti prezidanto de Itala Junularo, longe kaj larĝe parolis pri kulturaj temoj; ke esperantistoj de Andaluzio diskutis pri la ebleco okazigi kongreson en Sevilla.

Marde matene L. K. K. planis viziton al la urbo kaj al la fama muzeo de «Salzillo» kaj poste okazis tre mallongaj fakaj kunvenoj.

Tagmeze estis komencita la ĝenerala kunveno, prezidita de HEF-estraro. Post eta saluto de nia prezidantino, estis legitaj kaj aprobitaj la: Financa Raporto, Raporto de la Libroservo, Raporto de la Sekretario dum la periodo 1980-1981. Sekve reprezentanto de Fervojista Asocio informis pri la nuna situacio. Ankaŭ reprezentanto de HEJS reportis pri: la kontaktoj kun Koncize, la sukceso de la 5-a HEJS tendaro kaj la planado de la 6-a HEJS-tendaro en Logroño kaj la lasta oficialigo de HEJS kiel landa sekcio de TEJO.

Delegitoj de E-grupoj kaj kongresanoj proponis kelkajn novajoĵn kiel: kreado de konstanta sekretario por la kongresoj, restrukturado de libroservo, speciala fonduso aŭ kotizo por subteni artan kaj teatran reprezentadon dum la kongresoj k. a. Tamen pro malsimilaj opinioj oni ne sukcesigis aprobi ilin.

Trovi kongresurbon por la jaro 1982 estis necesa, kaj sen problemoj kaj unuanime estis akceptita Malaga. Certe la leganto rememoros ke ni jam posedas alian urbon, Zaragoza, por la jaro 1983-a, tiel do, imagu nian ĝojon kiam la reprezentantoj de Sevilla proponis sian urbon por la jaro 1984, admiro kaj feliĉo estis en la salono, kaj post eta momento da bruo, ankaŭ unuanime estis akceptita Sevilla kiel kongresurbo. Ĉu nia movado posedas maturecon aŭ ne?



**Grupo da gekongresanoj dum la ekskurso al la Muzeo de la Horto.**

Temo ĉiam tikla estas tiu kiu rilatas al la individuaj kotizoj de nia Federacio, sed eble pro la agrabla etoso kiun ni travivis, estis rapide akceptita la proponon plialtigi ĝin; tiel do la nuna kotizo de 500 p-toj jare, estos por la venonta jaro 1982, 750 p-toj. Pro la granda altigo de la kostoj de la eldonado, ekspedado de nia bulteno, HEF-estraro atendas ke ĉiu individua membro apogos senreserve tiun decidon.

S-ro Juan Carlos Ruiz, informis pri la ebleco organizi Internacian Seminarion en Madrido, okaze de la Monda Futbala Konkuro kaj proponis kunlaboradon al tiu Organiza Komi-

tato por uzi Esperanton en tiu ĉampioneco. Vere amuza kaj bela estis la prezentado de du filmoj en esperanto, ĝentile pruntedonitaj de la Norvega E-Ligo, kiuj multe plaĉis al la kongresanoj pro la bona koloro kaj sono. Poste okazis Seminario «Esperanto lingvo de amikeco» prezidata de S-ano Alonso, dulingve, t.e. esperante kaj hispane, tiamaniere, partoprenis en la diskutado esperantistoj kaj simpatiantoj al nia movado. Tiu eksperimento tre bone funkciis kaj eble estus interesa okazigu similajn aranĝojn en la estonteco.

Nokte okazis la tradicia bankedo en malproksima restoracio de la kongresejo, tio permesis al la ĉeestantoj, promeni tra la bela ebenaĵo de la kongresurbo.

Merkrede estis la lasta tago de la kongreso; matene oni ekskursis al la sanktejo «Fuensanta» kaj al la Muzeo de la Horto, situantaj en belega natura loko. Vespere je la 5-a horo, ĉiuj ĉeestis al la Solena Fermo de la kongreso. Oni Komencis ĝin pere de la legado de la «Rezolucioj de la Kongreso», kiujn vi povos legi en la sekvantaj paĝoj. Oni disdonis la diplomojn al la gajnintoj de la E-ekzamenoj. ILEI disdonis: sep trofeojn «Kopaloj», diplomojn kaj atestilojn al la premiitaj personoj pri la «Konkurso de Redaktado», plie nia prezidantino emocie transdonis la premion «Klara Silbernik» al la s-ino Josette Braem edzino de F. Zaragoza, pro sia granda helpo por la agado de ILEI, ĉi premio estis kreita de s-ro Hernández Izal fondinto de la Hispana Esperanto-Muzeo en S. Pau d'Ordal kaj nun organizas ĝin komisiono prezidita de li.

Se grava estis la oficiala programo, meritas apartan laŭdon kelkaj eksterprogramaj kunvenoj kaj aranĝoj kiuj kun la permeso de L. K. K. estis organizitaj laŭ la intereso de la kongresanoj. El ili oni mencias la jenajn: «Libera Diskutado pri Problemoj de la Esperanto-Movado», prezidita de p-ro A. A. Núñez, Juan Carlos Ruiz kaj Norberto Saletti, en ĝi oni diskutis diversajn temojn kiel: ĉu Konstanta Kongresa Sekretariejo ĉe HEF? Kio ĝis nun ni konas sub la nomo «Kongreso»? Komitato kiu zorgu pri la solenaĵoj de la jaro 1987, k.a.

Tre atenditaj de la esperantistoj estis la amuzaj vesperoj, okazitaj poste de la vespermanĝo en la parko de la kongresejo, organizitaj de Federico Alberich, vicprezidanto de Barcelona Esperanto Centro, kiu energie kaj simpatie impresis preskaŭ ŝoke ĉiujn.

S-ro G. C. Fighiera distribuis imformdokumenton pri la temo: «Kelkaj konsideroj por venontaj kongresoj», en ĝi, pere de sia granda sperto pri kongresoj kiel Konstanta sekretario de Universalaj Kongresoj de U. E. A. konsilas kaj atentigas al la estontaj L. K. K. pri kuriozaj kaj interesaj notoj.

Multaj aliaj kunvenoj kaj rondoj okazis dum la tagoj de la kongreso, tio kio pruvas ke enkadre de niaj kongresoj ĉiu individua kredo, opinio aŭ temo, povas estis serioza pritraktita.

Atentu do: Ĉiuj fakoj, sekcioj, departamentoj de HEF kaj profesiaj sekcioj kaj asocioj, prezentu specialan programkunvenon al al L. K. K. de la 42-a H. K. E. de Málaga.

Nur restas al la recenzisto danki: ĉiujn membrojn de L. K. K. pro ilia efika, energia kaj senreserva agado, la departamenton «Consejería de Turismo del Consejo Regional de Murcia» pro la bela eldono de la broŝuro esperantlingve pri Murcio kaj la Rektoron de la Universitato kaj aŭtoritatojn kiuj helpis nian kongreson.

Sinceran dankon al la ĵurnaloj «Linea» kaj «La Verdad» pro iliaj regulaj tutpaĝaj informoj pri nia kongreso, kun sia bonvolema agado alvenis al la L. K. K. centoj kaj centoj da informpetoj pri Esperanto.

Ĝis Málaga

**S. Aragay**

Prof. Alonso Núñez



# EINSTEIN, PER ĈIUTAGA LINGVO

Ni klopodos skizi la prelegon kiun en la kadro de la Kongreso prezentis nia s-ano S-ro Antonio Alonso Núñez, (Licenciulo pri Matematiko, profesoro de la E-Kurso ĉe Instituto por Lingvoj de la Filologia Fakultato de Santiago de Compostela).

S-ro Alonso sciigis ke li celas simplan nematematikan prezenton, tamen, kun rigoro adekvata al la postuloj de ĉiu klera homo ne-specialisto pri Relativeco-teorio (nome: la volo atingi pri la Einsteina verko ideojn kaj konojn egalrangajn al tiuj kiujn li jam posedas pri la multiplika tabelo, pri la reciproka altiro inter astroj, k.t.p., tiel ke li povos poste decidi ĉu plu studi aŭ ne la tutan teorion, tamen jam sen ajna maltrankvilo aŭ dubo pri la bazaj asertoj de tiu nova maniero konceptadi la fizikan realon.

Sian prelegon li dividis en jenaj partoj, krome okazis kolokvo dum kaj post la prelego:

1) Kio pleje ŝokas okaze de la unua kontakto kun la Relativeco-teorio?.— ĝuste, ties plej bazaj kaj elementaj asertoj. Nome: ne nur ke ĝi konceptas tempon kaj spacon tute aliaj ol tion faras kaj la komuna saĝo de ĉiu homo kaj la najva realismo de klasika Fiziko, sed ja, ĉefe, ke ĝi konceptas la realon multvizaĝa, multaspekta, tiel ke unu sola sama fakto prezenta malsamajn valorojn por malsamaj observatoj kaj korpoj (depende de la relativaj rapidoj de unu rilate la alian)— kaj, tamen, ja ĉiuj malsamaj valoroj egele veraj por la respektivaj observantoj. Sin apogante sur la diagramo ĉi-kuna, li faris resumon pri tiuj surprizaj bazaj asertoj (Einstein mem diris ilin «mirigaj»); el ili ni ĉerpas nur la plej simplajn, kaj ĉiujn multajn aliajn preterlasas:




a) Ni supozu ke ĉiuj observantoj kaj veturantoj haltis sur la ŝoseo, kaj ke ili konstatas ke ĉiuj iliaj mezurstangoj estas, ekzemple, ekzakte 1-metron longaj; kaj ke ĉiuj aliaj respektivaj sablohorloĝoj bezonas ekzemple, ekzakte 3 minutojn por malpleniĝi. Nu, tiom longe kiom ili restos senmove sur la ŝoseo

(aŭ ke ili ĉiuj moviĝos kun sama rapido kaj senco, tiel ke la respektivaj distancoj inter ili ne ŝanĝiĝos), nenio nova. Sed tuj kiam tiuj distancoj ŝanĝiĝos pro malsamaj ir-rapidoj kaj sencoj de unu rilate la alian (kaj tion ĝuste montras la diagramo), la asertoj de Klasika fiziko (KF) kaj de Relativeco-Teorio (RT) gigante malsamas: Laŭ la unua, nenio nova (plu temas ĉie pri 1 metro kaj pri 3 minutoj); laŭ RT, male, la multivizaĝa realo estas jena: por la observantoj C ilia propra stango plu estas 1-metra paralele al la ir-senco sur la ŝoseo, sed por la A, B, C tiu sama stango estas **malpli** ol 1-metra (kaj, reciproke kaj simetrie, la stango ĉe A paralele al la ir-senco sur la ŝoseo plu estas 1-metra por li, sed malpli ol 1-metra por ĉiuj aliaj, B, C, Ĉ; k. s.); por C ilia sablohorloĝo plu estas 3-minuta, sed por A, B, C, ĝi estas pli ol 3-minuta (kaj reciproje kaj simetrie: la horloĝo de, ni diru B, plu estas 3-minuta por li, sed pli ol 3-minuta por ĉiuj aliaj). Krome, ĉiam laŭ RT tiaj diferencoj inter **same veraj**, tamen malsamaj, valoroj estas des pli grandaj, ju pli grandaj estas la relativaj rapidoj de unu korpo rilate alian (do, plej rimarkeblaj ili estus inter A kaj Ĉ, ĉar unu sturmas la alian; iom malpli rimarkeblaj inter A kaj C kaj malplej rimarkeblaj inter A kaj B, car temas pri postkuro, kaj ja ci-kaze la distanco inter ili nur tre lante sangigas). Krome, oni **ne** pensu ke tiaj diferencoj ŝuldiĝas al ŝrumpiĝo de la korpoj pro la movo k.t.p. —estus absurde tion pensi kiel savon de la malfacilo, car pro la dirita simetrio ja ne povas temi pri srumpigo—; temas, tute simple, pri principa kaj fakta multvaloreco de unu sola kaj sama realo.

b) Ĉar laŭ RT, la lum-rapido (300.000 km/s: pro tricent mil kilometroj en ciu sekundo) estas la plej granda relativa rapido ne nur ekzistanta, sed la plej granda ebla, tiaj diferencoj igas maksimumaj kiam la lumo rolas en la eksperimento. Ekzemplo: Ni supozu ke komence oni rigore konstatis ke la autoj B kaj C estas ekzakte egale longaj; ke ili kuras kun la sama rapido rilate la soseon, kvankam kontrausence; ke A ne estas auto, sed lum-fasko kuranta lau la indikita rapidego 300.000 km/s. Nu laŭ RT, la plurvalora realo estas la jena: por C, plu veras la aserto de KF kaj de la komuna saĝo, ke A bezonas pli da tempo por tute preterpasi la postkurantan B-n ol la alsturmantan C-n; sed por B kaj C la same vera valoro de tiu sama sola fakto estas ke A tute preterpasas ilin en egala temporadaŭro.

c) Pro spaco-manko, ni ne skizas tie ĉi la RT-aserton pri simultaneco, kalkulo de relativaj rapidoj, ĝustiĝo de horloĝoj, k.t.p.

2) De kie venas la RT-konceptado?.—Kvankam la afero estas eĉ iom pli malnova, en la jaro 1881-a (kaj multfoje poste) oni faris bazan eksperimenton (en kiu ĉefe rolis lumo kurante inter speguloj), kies rezultojn oni ne sukcesis plene klarigi en la kadro de KF. Nur Einstein sukcesis (en 1905 kaj kompletige en 1917) munti teorion pri ĝi, malvolvi ĝin tra la tuta Fiziko, trafi sukcesegojn (ĉar per sia teorio li antaŭvidis fenomenojn ankoraŭ nekonatajn) k.t.p.

3) Kial en nia spertado ni nenion similan konstatas?—Laŭ RT-Formuloj tiaj diferencoj ja ekzistas ĉiam, sed ili estas rimarkeblaj nur se en la eksperimento rolas t.n. «grandegaj rapidoj». Tiurilate, eĉ la plej granda veturrapido atingita de homoj (per kosmoŝipoj, ĉ. nuraj 10 km/s, po dek kilometroj en sekundo; t.e. rapido tridek mil foje pli malgranda ol tiu de la lumo) estas simpla nana rapido; eĉ ĉe ĝi tiaj diferencoj estas tiom nerimarkeblaj, kiom estus la longo-kresko de 1-metra mezurstango sur kies pinton hazarde falus mikrobo. Ĉar ja nur en laboratorioj oni sukcesas manipuli kaj mezuri la rapidojn, tempojn, k.t.p. de lumo kaj de rapidagaj korpuskloj (je 100.000, 200.000 km/s, k.s.) nur tie oni povas kontroli ĉu RT kongruas kun la faktoj aŭ ne (sendepende de ĝia eventuala «praveco»). Kiel ajn estu, ja veras ke ĉiaokaze temas pri konstatoj kaj mezuroj ekster nia «ordinaraviva» spertado.

4) Kiajn, kiuj, estis kaj estas la sukcesoj de RT?.—Grandegaj kaj multnombraj: ĝi reduktis la iom misteran magnetismon al elektra fenomeno; ĝi

klarigis la klasike nekompreneblan mikrobetan perturbon en la orbito de Merkuro ĉirkaŭ la Suno (kvankam niatempe oni klopodas ĝin klarigi ankaŭ klasike); ĝi kongruas kun la t.n. «plilongiĝo de la averaĝa vivo de mesonoj»; kaj ĉefe (inter multaj aliaj), per ĝi Einstein malkovris la ekziston de la atomkerna energio (ĝis tiam eĉ ne suspektita), kio ja tute aliigis nian mondon kaj civilizon (ne nur fizikscience, sed ankaŭ fizike, ekonomie, politike, socie: oni pensu pri atombomboj, atomenergiaj centraloj, transformiĝo de la internacia politiko por havigo de energio kaj pri ĉiuj celoj k.t.p.).

5) Kion la komuna saĝo plenkore akceptas de RT, kaj neniam rezignos je ĝi (escepte de eventuala apero de io eĉ pli bona) kaj ne rezignos eĉ se iam ajn RT pruviĝos falsa, ĉar oni sentas ke oni faris gravan paŝon al pli profunda kaj samtempe pli simpla kompreno de la realo?. El la du bazaj paroj rolantaj tiel en KF kiel en RT (spaco kaj tempo unuflanke, materio kaj energio aliflanke), ni jam iomete diris pri la unua. Pri la dua: Por KF, materio estas io relative facile komprenebla, sed pri energio, ĉiam regis pli-malpli nebulaj ideoj, eĉ kvazaŭ temus pri ia spirito aŭ fantomo (oni ĝin abstrakte difinadis «la kapablo fari laboron»). Nu, laŭ RT, kaj materio kaj energio estas unu sama aĵo, sin montranta sub du malsamaj formoj (per ne-rigora lingvaĵo: jen koncentrita - kaj tio estas materio - jen difuza, nekoncentrita, moviĝanta - kaj tio estas energio), kaj reciproke transformeblaj unu en alian sen maso-perdo. Por la komuna saĝo, kiu daŭre volas paroli pri «vero», RT estas do almenaŭ parte vera, ĉar ja ĝi trafis ne nur sukcesojn, sed «parton de tio, kion ni konceptas la vero». (Ĝuste pro tiu transformeblo eblas la ekspluatado de atom-energio: oni transformas materion en energion).

(Pro spaco-manko, ni preterlasu la formulon kiu mezuras tiun transformon, kaj ankaŭ la prognozojn pri la estonteco de tiu energifonto, kiu certe akompanos la Homaron dum jarmiloj).

6) Kion naiva realismo akceptus kiel definitive decidan pruvon pri la eventuala praveco de RT?.—Ĉiu el ni konas plurajn pruvojn pri tio, ke la Tero estas sfero-forma; nu, **definitive decida** pruvo pri tio ekzistas ja unu: la fotoj kiujn pri la tuta Tero faris kosmoŝipoj kaj sateloidoj.

Bedaŭrinde, nenia egale forta pruvo koncepteblas pri la eventuala praveco jen de KF, jen de RT: ja ambaŭkaze temas pri bazaj asertoj, postulatoj, mondkonceptadoj —negrave kiel oni venas al ili— sur kiuj oni muntas matematikan konstruaĵon, per kiuj oni poste eksperimente kontrolas ĉu la teorio sufiĉe ekzakte respegulas la realon, ĉu ĝi montriĝas sufiĉe sukcesa kaj fekunda, ĉu kaj sub kiuj kondiĉoj oni devas ĝin modifi aŭ forlasi, k.t.p.

Nu, kvankam oni multe diskutas pri tio, ĉu la teorio fakte antaŭvidas ĝin, eble la plej konvinka pruvo por la komuna saĝo estus eventuala eksperimento per kiu oni konstatus ĉu faktiĝus la fama t.n. «paradokso pri la ĝemeloj», nome: se oni sukcesus sendi kosmoŝipon per grandega rapido kaj en ĝi veturus unu el du ĝemeloj. ĉe reveno en la Teron li estus pli juna ol la ĉi tie restanta frato. Kiel konstante tra la tuta RT, tia aĝo-diferenco ne estus rimarkebla, ĉar mizere malgranda, ĉe malgrandaj veturrapidoj (kiaj tiuj ĝisnunaj per kosmoŝipo); tamen, se iam ajn oni veturus per rapido de, ni diru, 240.000 km/s, dum por la Terano pasus, ni diru, 50 jaroj, la veturinto estus maljuniĝinta, vivinta, nur 30 jarojn.

Bedaŭrinde, estas tre dube, ĉu iam ajn oni sukcesos fari tian eksperimenton, ĉar RT mem formulas ke por tia rapidega vojaĝo oni bezonus energikvanton egalan al tiu kiun provizus milionoj da petrolŝipoj.

Pri ĉi jusa punkto oni vigle kolokvis: ĉu estas aŭ ne same konvinka por la komuna saĝo la jam konstatita fenomeno «plilongiĝo de la averaĝa vivo de mesonoj»; ĉu ambaŭkaze temas pri simpla plilantiĝo de vivo-procezoj de la movo, kaj ne pri same veraj malsamaj valoroj de unu sama fenomeno; ĉu tiun

pluravalorecon registrus ordinaraj horloĝoj, ĉu eble la kialo de tiu fenomeno kuŝus aliloke; ankaŭ pri tio, ĉu la universo estas kvardimensia, kion fakte ĉi lasta frazo signifas, ankaŭ pri diferencoj inter pasinta kaj estonta tempo k.t.p.

7) Principaj kaj epistemologiaj duboj aŭ problemoj rilate tiel Klasikan Fizikon, kiel Relativecan Teorion (ni nur citas ilin):

a) Kial RT kaj la KF **ne** atencas la gravajn neprajn principojn pri nekontraŭdireco kaj pri kaŭzeco?

b) Ĉu oni povas apriore kompreni aŭ logike pruvi la bazajn postulatojn pri tempo kaj spaco, tiel de KF, kiel de RT? Kial ne? Kion ni komprenu sub la vorto «kompreni»?.—Diferencoj inter komplikeco, svageco, mistereco, postulateco, k.t.p..—Ĉu RT —male al tio, kion farus KF— fakte rezignus pri la kompreno de la bazaj konceptoj «tempo» kaj «spaco», kun la sola celo efike manipuladi komplikajn rezultojn de komplikaj eksperimentoj?

c) Ĉu havas sencon paroli pri ia eventuala «absoluta vero»? Ĉu tio kuŝas ekster la celo kaj/aŭ atingpovo de scienco? Ĉu tiurilate ekzistas diferenco de aspiro inter klasikaj kaj modernaj fizikistoj? Kio estas la strukturo de scienco, la sintenado de sciencistoj?

ĉ) Kial Einstein donis al sia teorio la nomon «Relativeco»? La aldona problemo pri absolutaj kaj relativaj tempo, spaco, movo kaj maso.

d) Fendetoj en KF kaj en RT.—Provoj anstataŭi aŭ modifi la Einsteinan konstruaĵon. Kial ne estas esperebla reveno al KF?, ĉu entute estas dezirinda tia reveno?

8) Fine de la kolokvo, S-ro Alonso parolis al pluraj interesiĝantoj pri sia planata «preuniversitata Kurso (en Esperanto) pri Matematiko, Fiziko, Kemio» (redaktenka far internacia teamo), el kies «Kajero pri Relativeco-Teorio» li resume ĉerpis la materialon por sia prelego.

---

# REZULTO DE LA EKZAMENOJ OKAZINTAJ EN MURCIA DUM LA HISPANA E-KONGRESO

## ELEMENTA DIPLOMO

| | |
|---|---|
| Alfonso Henrique Hernandes | Elstara |
| M. Carmen Tovar Moreno | Elstara |
| Antonio Andreu Andreu | Superelstara |
| Victoriano Márquez García | Elstara |
| Francisco Coll Jara | Superelstara |
| Francisco Belibrea Gallego | Elstara |
| María Dolores Mediano Hernández | Superelstara |
| José Arroyo García | Superelstara |

## SUPERA DIPLOMO

| | |
|---|---|
| Jean Paul Beauplet | Elstara |
| Juan Carlos Ruiz | Superelstara |
| Angel Luis López Ramos | Superelstara |
| Carmen Dávila Buitrol | Superelstara |
| Pedro Vilaroig Aroca | Elstara |
| Santiago Fernández Venegas | Superelstara |

---

# CONCLUSIONES DEL 41 CONGRESO ESPAÑOL DE ESPERANTO

1º Aceptar las propuestas de los Grupos Esperantistas de Málaga y Sevilla, para que los Congresos Nacionales de Esperanto de 1982 y 1984 se celebren en las mencionadas ciudades.
2º Expresar nuestro agradecimiento al Consejo Regional de Murcia, por la ayuda prestada a este Congreso, y en especial por la edición del libro sobre Murcia y su provincia en Esperanto.
3º Solicitar de los organismos oficiales de Turismo la edición de folletos en Esperanto, de acuerdo con la Recomendación del Acta Final de la Conferencia de Manila de 1980.
4º Procurar en los Congresos Nacionales, se destine una parte de los ingresos para fines culturales y artísticos, llevando esta propuesta a U. E. A. en relación con los Congresos Universales.
5º Considerando los buenos resultados obtenidos en la difusión del Esperanto en los medios educativos, continuar e intensificar esta actividad a todos los niveles.
6º Aprovechando la celebración en España del Campeonato Mundial de Fútbol, solicitar del Comité Organizador del mismo, la utilización del Esperanto como uno de los medios de información, y la creación de una sección de intérpretes de Esperanto.
7º Agradecer a los medios informativos de Murcia la atención prestada a este Congreso.

---

# KONKLUDOJ DE LA 41-a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

1-e. Akcepti la proponojn de la E-Grupoj de Málaga kaj Sevilla por ke la Naciaj Kongresoj de Esperanto de la jaroj 1982 kaj 1984 okazu en tiuj urboj.
2-e. Esprimi nian dankemon al la Regiona Konsilantaro de Murcia pro la helpo kiun li donis al la Kongreso kaj speciale pro la eldono de libro pri Murcio kaj ĝia provinco en Esperanto.
3-e. Peti de la Oficialaj Instancoj pri Turismo, la eldonadon de broŝuroj en esperanto, laŭ la Rekomendo de la Manila Konferenco de 1980-a.
4-e. Zorgi ke en la Naciaj Kongresoj de Esperanto, oni dediĉu parton de la enspezoj por kulturaj kaj artaj aranĝoj, transdonante tiun rezolucion al U. E. A. rilate la Universalajn Kongresojn.
5-e. Konsiderante la bonajn rezultojn atingitaj en la disvastigo de Esperanto en la edukaj medioj, daŭrigi kaj intensigi tiujn aktivaĵojn je ĉiu nivelo.
6-e. Profitante la okazigon en nia Lando de la Tutmonta Ĉampioneco de Futbalo, peti de la Organiza Komitato la uzadon de Esperanto kiel unu el la informaj rimedoj kaj la starigon de sekcio de esperantistaj interprestistoj.
7-e. Danki al la informaj medioj de Murcia, la atenton kiun ili dediĉis al la Kongreso.

# Raporto pri la agado d
# Esperanto Federacio
# julio 1980-a ĝis la 3

Kiel kutime okazas dum la Naciaj Kongresoj, venas la momento en kiu mi, kiel Sekretario de la Hispana Esperanto Federacio, prezentu al vi la raporton pri la laboro farita dum la periodo supre menciita.

Pri la sukceso de la 40-a Hispana Esperanto Kongreso, okazinta en Madrid, vi jam estis amplekse kaj detale informitaj pere de BOLETIN. Notinde estas ke la Reĝino de Hispanujo, afable, akceptis la Honoran Prezidantecon de la Kongreso kaj ke la tutlanda Turisma Instanco, proprakoste, eldonis la afiŝon de la kongreso kaj turisman broŝuron pri Madrid kaj ĝiaj cirkaŭaĵoj en esperanto. Dum la Kongreso, estis reorganizita la junulara Sekcio de H. E. F. kiu jam laboras por la disvastigo de Esperanto inter la hispana gejunularo kaj eĉ okazigis sukcesan H. E. J. S. —tendaron dum Pasko en Elche. Alia rimarkinda punkto de la Kongreso de Madrid estas ke ĝi havigis, dank'al la klopodoj de la Loka Organiza Komitato, sufiĉe gravan monprofiton.

La oficiala organo de H. E. F. «BOLETIN» aperis regule kaj feliĉe kreskis la nombro de ĝiaj regulaj kunlaborantoj. En la momento de la redaktado de ĉi tiu raporto jam estas en la presejo la numero Julio-Aŭgusto. Pri la plibonigo de la enhavo de la artikoloj aperintaj en BOLETIN atestas la fakto ke kelkaj artikoloj aperintaj en nia gazeto estis denove publikigitaj en aliaj.

Por informi pri la celoj de la Federacio, oni eldonis informan folion, kiu ankaŭ validas kiel aliĝilo al H. E. F. En la disdonado de tiuj informaj folioj multe kontribuis la hispana sekcio de I. L. E. I.

La Centra Oficejo de H. E. F. en Madrid, post diversaj interparoloj inter la H. E. F.-estraro kaj kelkaj madridaj gesamideanoj membroj de la Federacio, kontentige funkcias kaj en ĝi okazis du Elementaj Kursoj de Esperanto kaj kun la helpo de la urbokonsilantaro, ili organizis plurajn ekspoziciojn en diversaj kvartaloj de la hispana ĉefurbo kiuj atingis gravan sukceson.

La vendado de libroj kaj aliaj esperantaĵoj, sukcese marŝis dum tiu periodo, kaj Libroservo de H. E. F. eldonis, dufoje, katalogon de libroj, kiu estas sendata aŭtomate al ĉiuj regulaj aĉetantoj kaj E-Grupoj.

Pri la intereso, ĉiam kreskanta kiun Esperanto vekas en ĉiu medio, atestas la aperigo de raportoj kaj informoj en ĉiuj amasmedioj. En tiu informa kampo, kiel pasintjare, bone aktivis multaj E-Grupoj.

La rilatoj kun la Hispana Sekcio de I. L. E. I. funkcias kontentige, kaj notinde estas ke en ĉiu eldonaĵo de tiu Sekcio aperas la adreso de H. E. F.

La Eldona Fako de H. E. F. gvidata de F-ino Inés Gastón daŭrigis la vendadon de la libroj de ĝi eldonitaj.

La Hispana Esperantista Fervojista Asocio (H. E. F. A.) daŭrigis siajn aktivaĵojn kaj partoprenis en pluraj kongresoj, inter ili la I. F. E. F.

# de la estraro de Hispana de la periodo 1-an de 30-an de junio 1981-a

—Kongreson okazintan en Regensburg (Okcidenta Germanujo).

Laŭlonge de tiu periodo la Prezidantino kaj la Sekretario de H. E. F. plurfoje vojaĝis. Speciale, dufoje, ili vojaĝis al Murcia kie ili kunvenis kun membroj de la Loka Organiza Komitato de la Kongreso kaj kun kiuj ili interparolis pri diversaj temoj, rilate ĝian organizadon.

Okaze de profesia vojaĝo al Santiago de Compostela, la Prezidantino de H. E. F. plezure akceptis la inviton de S-ano Antonio Alonso Núñez, ĉefa organizanto de Seminario pri Esperantologio kaj Interlingvistiko en la kadro de l'urba Universitato, prelegi hispanligve pri la temo «Política lingüística de las Organizaciones Internacionales» («Lingvopolitiko de l'Internaciaj Organizaĵoj»).

Ankaŭ, kaj okaze de la aranĝoj organizitaj de la Esperanto-Grupo de Bilbao por inde festi la 75-an datravenon de sia fondiĝo denove prelegis la Prezidantino de H. E. F. Ĉi foje pri la temo «Aportación del Esperanto a las lenguas minoritarias».

La kontaktoj kun aliaj Naciaj Esperanto-Organizaĵoj kaj kun U. E. A. mem glate malvolviĝis, pere de regula sendado de nia oficiala organo «BOLETIN» kaj interŝanĝo de spertoj per leteroj kaj cirkuleroj.

Rimarkinda estas la fakto ke H. E. F. estis unu el la malmultaj Naciaj E-Asocioj kiuj respondis al la enketo sendita de la respondeculo de U. E. A. pri Landaj Asocioj en Okcidenta Europo kaj sendis seppunktan agadplanon.

Ĉar la estraro de H. E. F. konstatis la bezonon eldoni novajn diplomojn por disdoni al la sukcesantoj en la ekzamenoj, Elementa kaj Supera, okazantaj ĝenerale, en la kadro de la Naciaj Kongresoj de Esperanto, oni mendis la eldonadon de tiuj Diplomoj al la eldonejo Boloix de Zaragoza.

Ankaŭ estas deziro de la estraro de H. E. F. la eldono de nova Adresaro kaj Regularo de H. E. F. kies lastaj modifoj estis, oficiale aprobitaj la 10-an de septembro pasintjare.

Fine, kaj kiel persona kontribuo de nia Prezidantino, mi mencias la ĉefredaktadon de Jura Suplemento por la prestiĝa esperanto periodaĵo «HEROLDO DE ESPERANTO» nun eldonata en nia Lando.

Kiel mi jam diris pasintjare, estas nepre necese ke ni ĉiuj estu konsciaj pri la bezono pligrandigi la nombron de gesamideanoj aliĝintaj al la Federacio kaj samtempe pensi pri la pago de la kotizoj ĉar, bedaŭrinde, ĝi estas la nura solvo se ni deziras ke H. E. F. povu daŭrigi la laboron multvarian kaj diversan postulatan de la numa tempo.

Pro tio, karaj gesamideanoj, ni petas vian entuziasman helpon kaj kunlaboron por ke ni povu plenumi la taskon kiu atendas nin.

Valladolid, 30-an de junio 1981-a

LA SEKRETARIO,
**Luis Hernández**



Solena Malfermo de la U. K. D-ro Chaves, Vicprezidento de Brazilo stampas la novan Esperanto-poŝtmarkon. (Foto A. Fighiera)

# 66-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

De la 25-a de julio ĝis la 1-a de aŭgusto, nunjare, okazis en la brazila ĉefurbo la plej grava jara evento de la tutmonda esperantistaro.

Brazilo estas granda lando kun 8,5 milionoj da kvadrataj kilometroj kaj ĉirkaŭ 120 milionoj da loĝantoj kiuj malregule distribuiĝas sur ĝiaj kvar regionoj.

La ĉefa trajto de la brazila loĝantaro kiu tuj mirigas la vizitanton estas la tute natura kaj normala miksiĝo de rasoj; tute frate kaj sen rasaj antaŭjuĝoj kunvivas homoj de blanka, nigra aŭ flava haŭto, ĝi estas mirinda ekzemplo.

Specialan mencion meritas la kongresurbo Brazilio. Ĝi estas tute nova kaj racie planita, kiu naskiĝis nur je la 1960-a jaro, elpensita kaj konstruigita de Lucio Costa kaj Oscar Niemeyer sub la instigo de la tiama ŝtatestro Juscelino Kubitschek. La ĉefurbo kiu rigardas la venontan jarcenton ŝajnas pensita nur por homoj sur aŭtomobilo; la piediranto preskaŭ ne trovas taŭgan lokon sur la stereotipaj stratoj kiuj estas racie numeritaj. La publikaj

monumentoj: Katedralo, Parlamentejo, Nacia Teatro, la Placo de la Tri Povoj, la preĝejo Dom Bosco, k.t.p. kaŭzas egan admiron pro sia avangarda stilo. Brazilio havas jam 800.000 loĝantojn kaj preskaŭ 700.000 la ĉirkaŭaj satelitaj urboj. Plejparte la indikita loĝantaro estas administraj deĵorantoj de la oficialaj centroj de la ŝtato kaj laboristoj kiuj zorgas kaj grandigas la urbon.

Al la Kongreso aliĝis 1.747 gesamideanoj el 49 landoj, kaj 10 el ili venis el Hispanio. Kompreneble, la granda amaso estis brazilanoj kaj ni esperas ke la sukceso de la evento ankoraŭ multe kuraĝigos la jam tre aktivan brazilan Esperanto-movadon. Plezure ankaŭ ni konstatis ke la loĝantaro simpatie sekvas la agadon de la Kongreso pere de la efika televida, radia, kaj ĵurnala informado. La plej elstara valoro estis la sindona apogo kaj helpo fare de la naciaj kaj urbaj aŭtoritatoj.

Ne eblas partopreni ĉiujn erojn de U. K., sed kompreneble ni ĉeestis la ĉefajn kaj objektive ni provos raporti pri ili: La INTERKONA VESPERO estis brua kiel ĉiam. La SOLENA INAŬGURO tre rava kaj kolora, ĉe la inda ejo de la Nacia Parlamentejo, vere alta honoro por la esperantistaro; prezidis la Vic-Prezidanto de Brazilo, D-ro. Aureliano Chaves, kaj ĉeestis pluraj ambasadoroj kiuj salutis la kongreson, inter ili ni citu la polan kiu faris belan paroladon en la internacia lingvo. S-ro William Auld prezentis trafan parolandon pri la kongresa temo, KULTURO KAJ LINGVOJ: PONTOJ KAJ VAROJ.

La INTERNACIA KONGRESA UNIVERSITATO, normale kaj sukcese funkciis. Ni sukcesis ĉeesti la vere interesajn prelegojn de Tibor Sekelj pri EVOLULANDOJ SERĈAS SIAN KULTURAN IDENTECON, ĉefe pri africaj landoj; tiun de Werner Bormann pri KULTUROJ KAJ LINGVOJ ĈIRKAŬ EKSTERLANDAJ LABORISTOJ, interesa temo, tre lerte prezentita, pri la gastlaboristoj en Germanio, inter kiuj estas multaj hispanoj kaj laste tiun de Alojzy Wenclewski, FONTOJ DE ANIMALPROTEINOJ EN ZAIRO, bela kaj interesa disertacio pri la juna afrika lando en kies Universitato estas profesoro la prelegito.

La diversaj artaj prezentadoj eltiris la atenton kaj meritis la aplaŭdon de la kongresanoj: BRAZILA VESPERO, bona prezentado de loka folkloro: ARTA VESPERO, kun bonegaj Esperanto artistoj, KONCERTO, k.t.p. La bankedo estis abunda kaj bongusta, la balo tre bruema kiel la loka muziko.

La diversaj sesioj de UEA, Akademio, Komisionoj, kino, k.t.p. eltiris



**Grupo da hispanoj kun aliaj samideanoj antaŭ la Parlamentejo.**

la atenton kaj ĉeeston de multaj kongresanoj.

Dimanĉe vespere, en la moderna kaj iom stranga stile Katedralo, okazis la Sankta Meso, kuncelebrita de 5 katolikaj esperantistaj pastroj. La legadoj, kanto kaj prediko estis en la internacia lingvo. Ĉeestis kelkcentoj da fideluloj.

La du ekskursoj okazis merkrede kaj ilia celo estis akvofalo Itiquira kaj Cristalina urbeto je 135 kilometroj de la ĉefurbo, urbeto kie estas la ekspluatado kaj vendado de la plej malsamaj juvelŝtonoj. Ni partoprenis ci tiun lastan kiu iom fuŝiĝis pro la neebleco viziti la minejojn, kaj ĉio konsistis el la vizitado de la lokaj vendejoj kie ĉefe la virinoj longe marĉandis la juvelojn. Dum la kongresa semajno, matene kaj postagmeze, du ekskursaj vizitoj tra la urbo funkciis, ili daŭris tri horojn kaj ili celis konigi la socikulturajn, arkitekturajn kaj historiajn trajtojn de Brazilio. La partoprenado estis multnombra.

Por dua fojo okazis aŭkcio favore al la agadoj de UEA. D-ro. H. Tonkin tre lerte kaj bonanime direktis ĝin. Estis amuze sekvi la plialtigon de la vendvaloro de la plej diversaj esperantaĵoj. Mi volas citi ke kongresa afiŝo de Barcelona kongreso de HEF. de la jaroj 50, atingis la vendprezon de 800 kruzejroj (proksimume 1 kruzejro egalvaloras 1 peseton). Pere de la aŭkcio oni kolektis pli ol 60.000 kruzejrojn.

**D-ro Tonkin kaj Michela Lipari Sato dum la aŭkcio. (Foto A. Fighiera)**



En speciala kunveno la L. K. K. de Antverpeno prezentis sin kaj skizis la multajn eblecojn de la venonta kongresa urbo. Inter la sciigoj estas la interesa novaĵo ke la belga poŝto, venontjare ankaŭ aperigos Esperantan poŝtmarkon.

Sabate matene okazis la emociiga ceremonio de la solena fermo de la kongreso: Legado de la rezolucioj, laŭdoj, dankoj, gratuloj, lastaj sciigoj, transdono de la granda flago al la venontjara L. K. K. kaj kanto de LA ESPERO, estis la ĉefaj eroj. Iom malgaje ni disiĝis.

La kongresejo kun la diversaj salonoj: Zamenhof, Privat, Dresden, Silbernik, Hodler, Lorenz, k.p.t. estis la palaco de kunvenoj de Brazilio, tre ampleksa konstruaĵo kun ĉiuj servoj. La sola malfacilaĵo estis la restoracio kiu ne kontentigis ĉiujn, kaj veturi al la urbo aŭ al la koncernaj hoteloj por manĝi, estis malfacila tasko pro la distanco.

La valoro de la eldonita speciala poŝtmarko estas nur 7 kruzejro, kaj fakte ĝi sola taŭgas por nenia afrankado, ĉar simpla p. k. al Hispanio jam kostis 45 k. Ce la poŝta tablo ĉiam estis grandaj vicoj de personoj starantaj. Iom peza afero.

Post neforgesebla semajno pasigita en la suda hemisfero kie Esperanto havas grandan estontecon, ni revenis hejmen feliĉaj pro la fakto ke ni travivis sep tagojn en Esperantio.

Ĝis venontjare en Antverpeno, se eble.

**Ramón Molera**

**La Urbestra Moŝto de Bilbao, S-ro Castañares, donacas memorindan platon al la Prezidanto de la Bilbaoa E-Grupo S-ro Larrouy**



# LA GRUPO DE BILBAO JUBILEAS

De la 18-a ĝis la 21-a de Junio, la Grupo Esperantista de Bilbao festis la 75-an datrevenon de sia fondiĝo, kiel anoncite en BOLETIN. La deziro de la bilbaoanoj gravigi tiun ĉi eventon tute plenumiĝis kaj la ambicia programo, simila al tiu de Nacia Kongreso, efektiviĝis laŭ la plej optimismaj aŭguroj. Eĉ la vetero, kiu ofte ne atentas nian bezonon, festis gaje kaj sune, donacante al la ĉeestantoj la plej belajn tagojn de la jaro. Nur unu nean aspekton ni bedaŭras: la mankon de invititaj eksterlandanoj kaj de kelkaj hispanoj. Ni pri tio kulpigas la daton. Tamen, amaso da letergratuloj alvenis al ni el la tuta mondo.

Tre alloga broŝuro estis eldonita kiel memoraĵo. Ankoraŭ ni havas sufiĉe da ekzempleroj sendotaj al ĉiuj kiuj petos. De inter la eroj de la programo elstaris: La prelego de S-ino Rafaela Urueña, profunda kaj dokumentita; la akcepto en la urbodomo kie oni traktis kaj regalis nin en memorinda maniero, kun donaco de plato fare de la Urbestro post sia parolado. S-ro Larrouy, Prezidanto de la Grupo, responde, sin direktis al li por danki nome de la ĉeestantaro. Ankaŭ gravis kaj estis tre interesa la diskutrondo pri diversaj esperantaj temoj. S-ro Alonso kiu majstre regas la lingvon montris siajn spertojn; tamen, kiel ĉefa ero de la Jubileo, okazis en la halo de la ekspozicio, la omaĝo al la veteranoj, al tiuj konstantaj esperantistoj apartenantaj al nia Grupo kiuj laboris de antaŭ pli ol kvindek jaroj. Ne ĉiuj, pro aĝaj cirkonstancoj, povis ĉeesti. De tiam unu el ili jam forpasis post longa malsano: S-ro Félix Díez kiu loĝinte lastatempe en Palencio de antaŭ kelkaj jaroj disvolvis ankaŭ tie sian esperantan laboron. Pace ripozu. Tiun omaĝon ĉeestis la Delegito pri Kulturo de la urbestraro S-ro Olaetxea, kiu transdonis al la veteranoj memorigajn platojn, kaj poste, parole, reliefigis la kulturan agadon de la esperantistoj. Sekve, f-ino Inés Gastón kiel reprezentanto de «Fundación Esperanto» donacis al la Grupo belan medalon.

Dum la agrabla kaj multnombra tuttaga ekskurso al la koro de la vaska popolo, al la urbo Gernika, ni trapasis ĉarmegajn lokojn. Malgraŭ tio, multe pli altiris la atenton de la ekskursanoj la «Central Nuclear de Lemoniz» kies konstruaĵon ni ĉirkaŭrondiris. Tiel efikas la famo kvankam malbona.

Neforgesebla estis la manĝado en kampare dekoraciita restoracio, meze de verdaĵoj kaj piede de alta monto kie malfermas sian buŝon kavernoj gardantaj pentraĵojn kaj aliajn restaĵojn de niaj prauloj.

Tipaj vaskaj dancoj montris al la ekskursantoj la belecon de nia folkloro.

**Benedikto**

# TRADUKOJ APERINTAJ EN «NOVA SENTO»

## (Omaĝe al 75-jara datreveno de Grupo Esperantista de Bilbao)

Oni povas konsideri, el vidpunkto de **Tradukbanko**, ege gravan la laboron kiun pri tradukoj el hispanlingvaj literaturaĵoj, realigis revuo «**Nova Sento**».

Tiu revuo, esperanta gazeto de Bilbao kaj samtempe organo de la vaska esperantistaro, aperis unuafoje en julio 1909ª kaj ĝia lasta numero en februaro 1912ª. Entute 31 numeroj, sub la devizo «**nur celas la disvastigon de nia Afero**»; kaj ĝi ĉesis aperi pro simpla decido unuecigi la hispanan movadon kaj atingi aperon de unusola enlanda revuo kun pli granda eldonkvanto kaj sub malpli alta kosto.

Ĝia Redakcia Komitato konsistis el jenaj vaskaj pioniroj: VICTOR OLEGARIO DE ALLENDE, TEODORO ELIZONDO CALERA 1882-a Bilbao, 1967-a, JOSE SANTAMARIA NEIRA kaj JUAN ZAVALA, kvankam ne ĉiuj aktivis sur tiu traduka kampo en revuo **Nova Sento.**

VICTOR OLEGARIO DE ALLENDE, inĝeniero pri vojoj, kanaloj kaj havenoj, prezidanto de Vaska Federacio (1917ª), ofte aperigis tradukaĵojn de konataj hispanaj verkistoj. Jen ili: **Fragmento ĉerpita el Becker** (surbaze de legendo «Maese Pérez, el organista») (nº 4ª) ankaŭ el Gustavo Adolfo Bécquer (Sevilla, 1836ª-Madrid, 1870ª) li aperigis pliajn tradukitajn pecojn: **La Folioj Sekaj** (Antaŭe aperinta, en traduko de SAMIDEANO , en **Tutmonda Esperantisto**, nº 11ª, paĝo 165ª, jaro 1908ª, sub titolo **La sekaj folioj**) (nº 6), **La Monto de la Animoj** (nº 10ª), **La Miserere** (nº 17ª-18ª). Li klopodis traduki almenaŭ parton de **Don Kiĥoto** kaj li sukcesis aperigi komencon de noveleto **La sciemulo impertinenta** (nº 28ª-29ª), poste komplete tradukita de LUIS HERNANDEZ LAHUERTA (1906ª Valencia, 1961ª), sub titolo **La Malprudenta Scivolulo**, eldonita libroforme, kaj ankaŭ de HINDRIK JAN BULTHUIS (Waefum, Groningen, Nederlando, 1865ª - Nordbroek, Nederlando, 1945ª) kaj FERNANDO DE DIEGO DE LA ROSA, kiu finis tiun laboron komplete traduki tiun majstran verkon de Miguel de Cervantes Saavedra (Alcalá de Henares, 1546º - Madrid, 1616ª).

J. ECHEVARRIA aperigis kelkajn esperantigitajn artikolojn, sed kun klara mencio; pri traduko nur unu: mallongigon de artikolo aperinta en **La Correspondencia de España**, Madrid, la 22-an de novembro 1911ª, pri **Ĵurnalismo**, de J. Aragón (nº 29º).

MANUEL DE ELEZCANO Y MAIZTEGUI (Bilbao, 1886ª - Bilbao, 1980ª), kasisto de la Grupo en 1912ª, tradukis **La blua birdo**, de nekonata aŭtoro (nº 25ª).

GERARDO GARCIA, el Bilbao, aperigis jenajn tradukojn: **Malfrua Geedziĝo**, de Paul Ginesty (nº 18ª) kaj **Rejunigo**, de aŭtoro nekonata (nº 23ª).

JOSE GARZON RUIZ (1871ª?), el San Fernando (Cádiz), kunlaboris per **La Virina Fido**, de Ramón de Campoamor (Navia, Asturias, 1817ª - Madrid, 1901ª) (nº 3) kaj **La Kapitano Veneno**, de Pedro Antonio de Alarcón (Guadix, Granada, 1833ª-Madrid, 1891ª) (nº 5).

JORGE S. HITA, kuracisto en la Mina Hospitalo de La Arboleda (Vizcaya) kaj prezidanto de tiea esperantista grupo (1909ª), tradukis esperanten propran artikolon: **Ho, la Progresado!** (nº 25ª), Li tion faris sub pseŭdonimo KIKO.

Franca pioniro, SAMUEL MEYER (La Rochelle, Francio, 1864ª - La Rochelle, Francio, 1921ª) aperigis tradukon **La Ringo de la Edziĝo**, de Ramón de Campoamor (nº 7ª).

ANGEL MOVEJARQUE (1877ª-1922ª), el Valencia, konata kiel Reĝo de la Hieroglifo, aperigis kelkajn pecojn el diversaj aŭtoroj: **¡Estu benata la luno!**, de Alfonso Pérez Nieva (nº 15ª); **L'animo de l'ruĝo**, de nekonata aŭtoro (nº 19ª); **Pri Vivo kaj Morto (Du Pensoj)**, de Lope Félix de Vega Carpio (Madrid, 1562ª-1635ª) kaj Emilio Castelar (Cádiz, 1832ª - San Pedro del Pinatar, Murcia, 1899ª) (nº 25ª); kaj **Infana Scivolemo**, de fratoj Serafín (Utrera, Sevilla, 1871ª - Madrid, 1938ª) kaj Joaquín (Utrera, Sevilla, 1873ª - Madrid, 1944ª) Alvarez Quintero (nº 30ª).

F. REPARAZ, El Santurce (Vizcaya), tradukis de nekonataj aŭtoroj: **La krimuloj punitaj de si men** (nº 9ª), **La Lupoj kaj la armservisto** (nº 12ª) kaj **La Misereo de Pradas** (nº 14ª).

F-ino LUZ SALAZAR, vicprezidantino de la Grupo dum 1909ª kaj 1910ª, aperigis jenajn pecojn el nia literaturo: **La Virino**, fragmento de Severo Catalina (nº 5ª); **La Mistero de la Edziĝo**, el verko **Pecoj de vivo** de María de la Concepción Jesusa Basilisa G. de Tagle, plej ofte konata kiel Concha Espina (nº 8ª); **Fasonoj, Viroj kaj Virinoj**, de nekonata aŭtoro (nº 23ª). Ŝi ankaŭ tradukis **La Fideleco**, rusa legendo de María Krysinska (nº 4ª) kaj **Kiel amas la patrino**, de J. de Roure (nº 21ª).

JOSE SANTAMARIA NEIRA (Deusto, Vizcaya, 1887ª - Bilbao, 1979ª), kiu kaŝis sian identecon sub pseŭdonimo VIRGILIO, tradukis jenajn artikolojn: **Montosupren**, rakonto de Enrique de Mesa (Madrid, 1879ª-1929ª) (nº 12ª); kaj **Infana ludo**, teatraĵeto de Jacinto Benavente (Madrid, 1866ª-1954ª) (nº 22ª).

MARIANO SOLA MONTSERRAT (Tarrasa, 1895ª-1970ª), elstara kataluna aktivulo, aperigis en lasta numero (nº 31ª) **La Anarhio de Infaneco**, rekonto, de nekonata aŭtoro.

JOSE VELASCO EALO, prezidanto de la Grupo en 1910ª kaj 1911ª, ankaŭ kunlaboris en tiu revuo per diversaj tradukaĵoj: **En la tramvojo**, de Gil Parrado, el revuo «Blanco y Negro» (nº 9); **Satinda Negoco**, de Ramiro Blanco (nº 20ª); **Asketismo**, el la verko «Papeles del Doctor Angélico», de Armando Palacio Valdés (Entralgo, Asturias, 1853ª - Madrid, 1938ª) (nº 21ª); **Pri artista bohemaro**, de José Juan Cadenas (nº 23ª); **La botoj**, de Gil Parrado, el «Blanco y Negro» (nº 25ª); **Marinjo**, de Antonio Palomero (nº 28ª); **La nomo de Nordangluja urbo**, de Julio Camba (Villanueva de Arosa,

Pontevedra, 1882ª - Madrid, 1962ª); kaj **Ho, la malgranda komerco!**, de Rafael Carvajal, el ĵurnalo «El Pueblo Vasco».

JOSE VENTURA, el Tarrasa (Barcelona), kiu dediĉis siajn klopodojn por tradukoj el la kataluna lingvo: **La stranga amo**, poezio gajninta la Naturan Floron en la Floraj Ludoj okazinta en Barcelono, la 1-an de majo 1910-a, de nekonata aŭtoro (nº 13ª); **Gloso,** ankaŭ de aŭtoro nekonata (nº 16ª); **Fluganta kanto**, same de nekonata aŭtoro (nº 17ª); **La Sankta Dorno,** rakonto de Angel Guimerá (Santa Cruz de Tenerife, 1845ª - Barcelona, 1924ª) (nº 20ª, 21ª, 22ª kaj 23ª); kaj **Vintro**, poemo de Francisco Casas y Amigó (nº 27ª).

FRANCISCO ZARZOSA, estrarano de la Bilbao'a grupo (1909ª), ankaŭ foje kunlaboris per tradukaĵoj: **La Taŭrludoj**, de Selgas (nº 22ª); **Pelikulo**, de Siro F. de Retana (nº 29ª); kaj **Militesplorado**, de Nekonata aŭtoro (nº 31ª).

Tamen, kiel ni menciis supre, ĝi ne plu aperis post februaro 1912ª. Tian en nia lando aperis kvin revuoj: **Kataluna Esperantisto, Tutmonda Espero, Hispana Gazeto, La Korespondanto** kaj **Nova Sento**, krom aliaj malpli gravaj bultenoj aŭ grupaj organoj, kiel **Kataluna Katoliko** aŭ **Semo**. Tial, kosto po ekzemplero estis 2 ptj., kaj se nur eldoniĝus unu sola revuo ĝia kosto estus nur 70 centimoj. Pro tio S-ro Manuel Esteban, prezidanto de Hispana Societo por propagando de Esperanto, kaj advokato S-ro José Garzón Ruiz, direktoro de **Gazeto Hispana**, akceptis unue ĉesigi la aperon de **Gazeto Hispana**, kaj due elekti revuon **Nova Sento** kiel provizoran organon de Hispana Societo por propagando de Esperanto. Sed, kvankam tio aperis en nº 31ª de **Nova Sento**, ĝi ne plu estis eldonita. Ŝajne, tiu ideo apogi kiel eble plej malmultajn organizojn aŭ revuojn por atingi fortan unuecan movadon estis en la menso de tiuj kleraj vaskaj gesamideanoj, kvankam ĝenerale personaj interesoj malhelpas ĝian plenumon.

Ĉiuokaze, la laboro kaj klopodoj de tiuj pioniroj ne estis vana kaj ankoraŭ nun ni povas ĝui tiun varian kaj interesan gazeton kiu montras al ni kiel agis niaj pioniroj por la disvastigo de la ideo de internacia lingvo.

**JUAN AZCUENAGA VIERNA**

## NI FONDU ASOCION DE INVALIDAJ ESPERANTISTOJ

De Jugoslavio ni ricevis ĉi tiun alvokon kun informoj pri fondo de Internacia Asocio de Invalidaj Esperantistoj. Ĝin sendis, S-ro Dusan Adnadj, 56227 BOROVO, Skolska ul. 25, Jugoslavio.

La Unuiĝintaj Nacioj proklamis la jaron 1981: Jaro de handikapuloj. Ni donu nian helpon al tiu nobla iniciato.

Pliajn informojn ĉe la iniciatinto, S-ro Dusan Adnadj, (aldonu respondkuponon). En Hispanujo, ĉe Inés Gastón, Pº de la Constitución 35/4º dcha. ZARAGOZA-1.

# INTERNACIAJ KONGRESOJ KAJ KUNVENOJ



**67-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO**, okazonta en Antverpeno (Belgujo) de la 24-a ĝis la 31-a de julio 1982-a. En Antverpeno vi trovos ĉarmajn malnovajn kvartalojn, historiajn konstruaĵojn, kaj vi povos ŝipveturi tra la haveno kiu rangas inter la dek plej grandaj de la mondo. Sendu la aliĝilon kaj la kotizon al la hispana peranto S-ro Juan Azcuénaga, Capitán Palacios, 3 - SANTANDER. (Konto 7.336/7 ĉe Caja de Ahorros de Santander).

**DUA TUTAMERIKA KONGRESO DE ESPERANTO**, okazonta en Bogoto (Kolombio) de la 17-a ĝis la 19-a julio 1982-a.

Bogoto estas bela urbo situanta 2.551 m. sur la marnivelo. La vetero estas ĉiam printempa. Vi povos viziti ĝiajn Muzeojn, la malnovan Botogon (la kvartalon La Candelaria), La Katedralon kaj aliajn tre interesajn preĝejojn, kaj... supreniri la montojn Guadalupe kaj Montserrate videblajn de la tuta urbo. Se post la Kongreso ankoraŭ restas monon, oni povas aĉeti la belegajn smeraldojn de Kolombio, famajn en la tuta mondo.

# NEKROLOGO

La 21-an de septembro, en Benidorm, forpasis MIGUEL MANTECA LOPEZ. Li naskiĝis en Relleu (Alicante) en la jaro 1913. Profesie li estis registristo de proprieto. Fondinto de Grupo Esperantista de Alicante. Ĉefa organizanto de nia 31-a H.E.K. en ĉi tiu urbo. Malgraŭ tio ke li ne estis politikema, danke al lia forta personeco kaj influo antaŭ la urba aŭtoritato de tiu etapo, la organiza komitato povis prezenti al la kongresanoj tre seriozan etoson en vere impona marko kaj ni povis ĝui tute senpagajn ekskursojn kaj festenojn.

Li estis tre honesta homo, ege modesta kaj bonkora. Se ni kuraĝas diri ĉi tie, liajn bonajn kvalitojn, estas pro tio ke li ne plu vivas inter ni; neniel li estus permesinta tion.

Same kiel flago simbolas ŝtaton, se ni, per ia simbolo devus reprezenti ne nur la ekziston, sed ankaŭ la tutan konsiston de nia loka organizo, nepre trudiĝu la neceso diri ke, tiu simbolo estas s-ro Miguel Manteca.

Unu el liaj naturaj karakterizoj (ni diru virton!) estis prezenti, organizi gravajn aferojn per tute simplaj kaj modestaj rimedoj.

Se la universala esperantista publiko ĝuas la legadon de nia ĉefverko «DON KIHOTO», tio ŝuldiĝas ne nur al la majstra traduko de s-ro De Diego, sed ankaŭ al lia mecenateco.

Al liaj edzino, filinoj kaj fratoj, ni sendas nian plej senteman kaj sinceran kondolecon.

**Nome de la G. E. A.**
**M. López Serna**

# NOTAS DE INTERES PARA TODOS LOS FEDERADOS

Se pone en conocimiento de todos los federados, que en Junta General de la Federación Española de Esperanto, celebrada el 21 de Julio en Murcia, quedó aprobada por unanimidad la subida de cuotas anuales a partir de 1982, conforme a la siguiente cuantía:

SOCIO ABONADO .......................................... 750 pts.

SOCIO PROTECTOR ........................................ 1.000 pts.

Se recuerda a todos los esperantistas españoles que según el art. 124,2 b del vigente Reglamento del Impuesto sobre la Renta de las Personas Físicas (Real Decreto 2.615/79 de 2 de noviembre), los donativos efectuados a la FUNDACION ESPERANTO son deducibles en un 15% de la cuota resultante en el citado impuesto. Esto significa, que de cada 100 pts. que Vd. dona a la **Fundación Esperanto**, puede luego descontar 15 en su declaración de la renta, lo cual supone un donativo suyo de 85 pts. y una aportación del Estado al Esperanto de 15 pts.

Para informaciones y donativos diríjanse a: Fundación Esperanto (Srta. Inés Gastón).—Paseo de la Constitución, 35-4º ZARAGOZA-1.

Recordamos a nuestros socios y simpatizantes la posibilidad de insertar en las páginas de BOLETIN anuncios comerciales o por palabras, conforme a las tarifas anunciadas en el número anterior de BOLETIN. Interesados escriban a H. E. F.—Dos de Mayo, 4, VALLADOLID-4.

El periódico más importante de Sabadell publicó un artículo de media página titulado «Esperanto, Sabadell en Murcia» escrito por nuestro asociado Vicente Hernández Llusera, en el que se hace público los actos del pasado Congreso y sus resoluciones.

## DONATIVOS

| | |
|---|---|
| Suma anterior ............. | 34.447 |
| Rafaela Urueña ........... | 200 |
| Manuel Díaz ............... | 500 |
| Víctor Ortiz ................ | 400 |
| Joaquín Bielsa ............ | 1.000 |
| Vicente Martín ............ | 100 |
| Alfonso Escamilla ......... | 200 |
| Dolores Martínez .......... | 200 |
| Manuel Alcubilla .......... | 500 |
| Faustina Martínez ......... | 1.000 |
| Julián Morales ............ | 1.000 |
| Ana M. Ros Codorniú ..... | 200 |
| Suma y sigue ............ | 39.747 |

## Socios Protectores en 1981 (Continuación)

| | | |
|---|---|---|
| 16. | Eleuterio Moreno ... | Nº 998 |
| 17. | Llibert Puig ......... | Nº 499 |
| 18. | Domingo Domenech | nº 1.594 |
| 19. | Víctor Ortiz ......... | Nº 619 |
| 20. | Juan Azcuénaga .... | Nº 1.432 |
| 21. | José F. Montes ..... | Nº 2.558 |
| 22. | José Beas ........... | Nº 2.556 |
| 23. | Miguel A. Macias ... | Nº 2.555 |

# DEZIRAS KORESPONDI

S-ro Dusio Luig.—Via A. Cetosa 13.—14100 ASTI (Italujo). Li deziras intersanĝi uzitajn poŝtmarkojn.

---

41 jaraĝa ĉeha tekniko, deziras korespondi pri ĉiu temo, kun gesamideanoj de Svedujo aŭ Norvegujo. Adreso: S-ro Miroslav Sobotka.—28 rijna 1019. 56401 ZAMBERK (Ĉehoslovakujo).

---

19 jaraĝa studento, esperantisto kaj radioamatoro deziras korespondi kun gehispanoj. S-ro Kolesnikov Leonid.—USSR UKRAJNO; Lvovskaja obl., **293720 Drogobiĉ**, per Samborskij 11/1.

---

Komencantino 18 jaraĝa deziras korespondi kun hispano 18-20 jaraĝa: F-ino Borvari Maria.—8800 NAGYKANIZSA, Dozsa GY. Ter 11 (Hungario).

---

Tridekjara sinjorino deziras korespondi kun gehispanoj: Marianna Horvath. **Sátoraljaujhely**.—Dózsa GY u. 4 em/2 (Hungario 3.980).

---

Flegisto dudekkvar jaraĝa, interesiĝas pri kutimoj de Hispanujo. S-ro Tomasz Kalka. **Barcin 88-190**, ul Pakoska 20/67 (POLLANDO).

29 jaraĝa infangardistino deziras korespondi kun hispana esperantistino por intersanĝi b. k. S-ino Eszter Kolozsi, Krúdy 40/c 2/6 **NYREGYHAZA** H-4.400 Hungario.

31 jaraĝa oficistino kun gehispanoj por intersanĝo de bildkartoj, mapoj, k.t.p. F-ino Teresa Murawska, 02-934 WARSZAWA: ul. Spalska 5 m 24 (Pollando).

---

19 jaraĝa, studentino pri fiziko kaj tekniko kun gejunuloj.
F-ino Henriette Azari, 3.526 MISKOLC; Katowice ul. 7/4 (Hungario).

Japana Esperanto-Instituto peras internacian korespondadon. Tiu, kiu deziras korespondi kun japanaj gesamideanoj, skribu al jena adreso per preslitero kun detala klarigo nome, sekso, aĝo, profesio, hobio (interesiĝo), kaj se eble kun sia portreto. Japana Esperanto-Instituto, Weseda-mati 12-3, Sinzyuku-ku, Tokio 162, Japanio.

**AGRABLAN KRISTNASKON KAJ PROSPERAN NOVAN JARON DEZIRAS AL VI LA ESTRARO DE H. E. F. KAJ LA REDAKCIO DE BOLETIN**

# TINĈJO
# La Krabo kun Oraj Pinĉiloj




La famaj aventuroj de Tinĉjo («Tin Tin») jam estas aĉeteblaj ĉe Libroservo de H. E. F. Mendu tuj ĝin. Prezo 450 p-toj.

Ankaŭ ni havas je via dispono lernolibrojn, gramatikojn, romanojn, bildrakontojn, esperantaĵojn k.t.p.

Petu senpagan katalogon Libroservo de H. E. F. Dos de Mayo, 4, VALLADOLID-4.

---

# 42-a HISPANA ESPERANTO KONGRESO DE H. E. F.

Okazonta en MALAGA de la 16-a ĝis la 21-a de julio 1982-a.
Adreso de la Kongreso: Apartado 354, MALAGA.
Konto de la Kongreso: Nº 124.498-3 Caja de Ahorros de Ronda; Sucursal 2, Plaza del Siglo, MALAGA.
Provizora Programo: Solena Malfermo, prelegoj, Ĝenerala Kunsido de H. E. F., Fakaj kunsidoj, artaj aranĝoj, ekskursoj, seminarioj, bankedo, folklora festo k. t. p.